# KATOLIKA MONDO

9a Kolekto
No. 11

Monata Aldono:
La Juna Batalanto

Fondita
1921

Esperanto-Organo de
Internacio Katolika




Cefredaktoro
Pastro D-ro Joseph Dieninghoff,
religia profesoro en Apostola Gimnazio, en Köln
KUNREDAKTOROJ: Prof. Carolfi, OFM, Italujo; Kaspar Mayr, Anglujo; Prelato A. Dombrowski, Litovujo; Pastro Makara, Polujo; Prof. P. Muffang, Francujo; W. Solzbacher, Germanujo; Pastro Johano Kozma, Hungarujo.

Adreso por ĉiaj sendajoj: K. M., Köln-Lindenthal

Aperas duonmonate

1a AŬGUSTO 1928

ABONO: egalvaloro de 1,80 sv. fr. kvaronjare. Oni mendu ĉe la ĉefadministracio aŭ ĉe la poŝtoficejo.
REKLAMO: Po unucentimetra kolonero egalvaloro de 2,— sv. fr., — Anoncetoj po enpreso (ĝis 15 vortoj) 0,75 sv. fr. (antaŭpage).

POŜTĈEKAJ KONTOJ: Beograd 68009. - Bruxelles 185734 - Budapest 59169 - 'sGravenhage 125537. - Köln 76105 - Paris 80061. - Praha 77396 - Roma 1/2600. - Warszawa 190972. - Wien 162478.


## LA VOJO AL PACO

**Koncentrigo de la katolika Esperanto-movado estas necesa.**

En la numero de 15a julio ni publikigis artikolon de nia amiko kaj kunredaktoro **Kaspar Mayr** el London, unu el la pioniroj de nia katolika Esperanto-movado. S-ro Mayr pruvis, ke unuigo kaj koncentrigo de nia movado estas ebla kaj dezirata de ĉiuj katolikaj esperantistoj. Konsiderante tiun demandon gravega kaj ĉiuflanke diskutinda, ni petis kelkajn el niaj kunlaborantoj, ke ili ankaŭ diru sian opinion. Jen la unuaj respondoj.

Nia nederlanda amiko **s-ro P. HEILKER** skribis :

Hoofdorp, 26 julio 1928.

Estimata Samideano,

1) Ĉu reunuigo kaj koncentrigo de la katolika esperantistaro estas ebla?

Respondo : kun ambaŭflanka bonvolo kaj oferpreteco ĝi povus eĉ tuj realiĝi.

2) Kio malhelpas eble laŭ via opinio la unuigon aŭ malhelpis ĝisnune?

Respondo : Mankis laŭ mia opinio ĝis nun la **personoj** sufiĉe singardaj, sufiĉe pacemaj, sufiĉe objektivaj por fari eĉ akcepteblan proponon. Batalante oni neniam venas al pacigo. Estas necese, ke **personoj** intertraktu (**du** sufiĉas), kun larĝa vidkapablo, kiuj pli alten vidas ol al propraj interesetoj, kiuj nur **volas** unuigon nur pro la **afero grava.** Ne devas resti iuflanke la fiera sento : **ni venkis.** Tio estus ŝajna repacigo. Oni devos paŝi unu al alia kaj manpremi sin antaŭ la laboro farota.

Tiel naskiĝinta propono estos akceptata de ambaŭ flankoj (krom eble kelkaj laŭtkriistoj).

3) Ni devus havi unu organon, kiu poste fariĝu ĉiusemajna.

4) Konkretajn proponojn mi ne faros, sed jen mia konsilo.

Ambaŭflanke estu elektata po unu persono por ellabori akcepteblan proponon. Tiuj du personoj devos esti aprobataj de ambaŭ flankoj. Eble efektivigebla propono estu pritraktata en pli granda (malpublika) rondo konsistanta ekz. el po 5 personoj.

La rezulta propono estu pritraktata en **komuna** kongreso sub forta gvido, kiu kongreso estu komencata per sankta komuniiĝo ĝenerala.

* * *

Nia kunredaktoro, **profesoro pastro Jakob Makara** sendas al ni la jenajn tre rimarkindajn proponojn :

**1) Kondiĉo de ĉiu progreso estas unueco en la agado. La disiĝoj malantaŭenpuŝas ĉiun aferon.**

**Pravigo :** La ambaŭ organizaĵoj katolikaj IKA kaj IKUE renkontas sur sia vojo multajn malhelpojn. Eĉ la plej fervoraj katolikaj esperantistoj ne plaĉas aliĝi al du katolikaj organizaĵoj, ne sciante, kial ne sufiĉas unu katolika esperantista organizaĵo. Ne decas kontraŭbatali unu aŭ alian organizaĵon. Tial multaj preferas sidi senage.

**2) La katolika organizaĵo esperantista devas esti senpartia, rilate al tiu aŭ alia direkto, krom la katolika kaj esperantista afero. La decidoj devas fariĝi per plimulto da voĉoj.**

**Pravigo :** Por unuiĝi, oni devas flanken stariĝi ĉiun alian direkton, krom la cititaj en la nuna dua punkto. Do ne povas leviĝi super la organizaĵo katolika esperantista ia porgermana aŭ porfranca standardo, sed oni devas akceli la vere katolikan kaj esperantistan aferon, lasante la aliajn aferojn por la komuna rekono de la membroj.

**3) Laŭ la diritaĵo plej konvena vojo al la celo estas la reorganizo de la katolika esperantistaro sur unu fundamenta, komune akceptota programo.**

**Pravigo :** IKUE estas tute esperantista movado, ne servanta al ia ajn celo, krom la katolika kaj esperantista. IKA (Esperanto sekcio) estas unu ĉeleto de la internacia organizaĵo IKA. Kaj kion fari, se iu ne volas aliĝi al IKA? Ĉu tial la esperantista kaj katolika afero ne povas iri antaŭen? Ŝajnas al mi, ke tiu punkto disigas. Inter la membraro de la katolikaj esperantistoj, estonte reorganiziĝontaj, povas iu al alia aliĝi al IKA, sed ne ĉiun katolikan esperantistaron oni koncentrigos en IKA. Per tio mi ne faras riproĉojn al IKA, sed mi konstatas la fakton.

Se do oni volas havi esperantistan organizaĵon katolikan, ni devas ĝin tute disigi de ĉiu ajn ne- esperantista organizaĵo, ne malpermesante poste aliĝi al IKA (aŭ samtempe).

**Ni do kreu unu sendepende esperantistan katolikan organizaĵon eble sub titolo : Katolika Unuiĝo Tutmonda (KUT).**

La membroj de tiu nova organizaĵo povas aliĝi al IKA, se ili volas, sed la nova organizaĵo ne havos celon kuniĝitan kun IKA.

**4) La celo de tiu nova organizaĵo estus :**

*1) Akcepti al sia membraro ĉiujn katolikajn esperantistojn, sen rilato al ia ajn aliĝo al nacio, lingvo, partio, lando, kutimoj ktp.*

*2) Servi al la katolika eklezio por ĝia vivo en la koroj kaj socioj.*

*3) Akceli la katolikajn misiojn vorte kaj fare.*

*4) Aranĝi la katolikan opinion en la gazetaro de la ŝtatoj, landoj, nacioj, societoj ktp.*

*5) Defendi la katolikan eklezion kaj la katolikajn principojn per ĉiu permesita maniero.*

*6) Disvastigi la verajn opiniojn pri la aferoj diverstemaj.*

*7) Klarigi la katolikan veron kontraŭ la herezoj kaj skismoj religiaj.*

*8) Sendi la katolikajn gazetojn al la esperantista paganaro, islamanaro kaj judaro.*

*9) Eldoni la Sanktan Skribon kun katolikaj klarigoj kaj la verkojn de la Patroj, por pravigi la katolikan vidpunkton pri la Sankta Skribo kaj Tradicio.*

*10) Eldoni la preĝlibrojn kaj skematismojn tutkatolikajn, por informigi pri la stato de la katolika afero en la mondo.*

*11) Eldoni la semajnan gazeton sub titolo « KATOLIKA MONDO » kaj la monatan revuon pure fakan kaj teologian sub titolo « ESPERO KATOLIKA ».*

*12) Organizi la fakajn kunlaborantojn por la gazetoj kaj eldoni la vere ŝatatajn kaj pripensitajn opiniojn.*

*13) Eldoni ĉiujare la katolikan Almanakon de internacia enhavo jen pure religia, jen socia, organiza kaj politika el punkto katolika, ne tuŝante la naciajn opiniojn, krom teorie.*

*14) Diskonigi kaj disvastigi la katolikan amon kaj bonfaron laŭ la doktrino de nia majstro Jesuo Kristo.*

*15) Uzi la bonstilan Esperanton kaj presi la internacie rekonitajn radikojn de la lingvo kun aldono de la signifoj precipe al la teologio katolika.*

**5) Por entiri la suprajn celojn en la programon, oni devus inviti ĉiujn bonvolajn esperantistojn katolikajn por diskuto. Unue devus kunveni la IKA- kaj IKUE- anoj kun la alvoko : Kristo reĝas! - priparoli la aferon, starigi la estontan programon kaj dissendi ĝin al la konataj esperantistoj aŭ enpresi en ambaŭ gazetoj KM. kaj EK. La legantoj esprimu sian vidpunkton kaj aliĝon. Oni vidos, ĉu la afero havas akcepton.**

**Ĝis kiam ne estos vidata la ĝenerala interesiĝo pri la projekto, oni lasos la ambaŭ ĝisnunajn organizaĵojn memstaraj. Nur kiam la projekto plaĉos al la katolika esperantistaro, tiam oni dissendos la aliĝfoliojn kun informoj pri la membreco kaj gazetoj. Tiam la nova organizaĵo anoncos la deklaron kaj komencos agi.**

6) La pli profundan pripensadon de mia solvo mi lasas al la respondaj personaj. Mi ne estas rajtigita starigi la tutan projekton kaj programon de la agado. Sed la fundamenta penso povas laŭ mi esti efektivigota. Nur la personaj antaŭjuĝoj devas esti forjetitaj, se ili ekzistas. Oni devas ŝati la meritojn de la ĝisnunaj laborantoj sur la katolika Esperanto-movado. Nur tiel oni povas kunparoli. Ĉio en Kristo kaj por Kristo!

Jaroslaw, la 25. 7. 1928.
(Polujo)

# La Ligo de la Nacioj kaj la Papo.

**De C. C. LONGRIDGE (Trinidad)**

Kial la Papo havus lokon en la Ligo de Nacioj? Pro tio, ke li manipulas la plej grandan aŭtoritaton moralan en la mondo. Pli ol ducent milionoj da katolikoj en Eŭropo kaj pli ol cent milionoj en aliaj kontinentoj estas liaj lojalaj regatoj. Pli ol tricent milionoj fidas al Romo pro instrukcioj pri demandoj de justo kaj maljusto, kaj en tiaj aferoj ili volas sekvi senhezite la voĉon de la Vatikano.

Ŝtatistoj kaj politikistoj rigardu la malnovan kaj novan mondon : nordan kaj sudan Amerikon kaj Kanadon, kie, en ĉiuj partoj katolikismo aperigas tian fortan vivon. Ili turnu al Azio, Afriko kaj Hindujo, al siaj propraj hejmoj, kaj al siaj propraj konsciencoj, kaj diru, ĉu katolikismo ne estas la plej granda potenco spirita en la mondo; kaj akceptante, kio estas vero, ili juĝu, ĉu, de nur utilisma motivo, ne estas la supro de malsaĝeco ignori forton tiel vasta kaj potenca en la afero de paco?

De pretermemora tempo Romo estis la protektanto de la kristana mondo. Ne estas periodo de historio, en kiu ĝi ne kunlaboris al la konservado de libereco kaj paco, kaj, ne farus la saman hodiaŭ, se ĝi estus invitata por konsoli kaj agi.

Neniu, sciante la eŭropan situacion en 1917, estas nescianta ke la « granda milito » eble tiam estus finita, se la interveno de la Vatikano estus serĉita. Aŭstrujo, naŭza de batalo, estis preta ĉesi; Bulgarujo kaj Turkujo estus sekvintaj, kaj Germanujo, senigita de la duono de sia materiala forto, siaj landlimoj malfermitaj al la ligitaj armeoj, estus bonveninta pacon. Sed kontraŭkatolika diplomatio intervenis, kaj la ora epoko perdiĝis.

Estas veroj, al kiuj oni fermas la okulojn, ĉar oni ne volas vidi, kaj tial, kio estas evidenta al saĝaj homoj en la estinteco, estas perdita por rigardi hodiaŭ. *Leibniz* (1646-1716), protestanta geniulo antaŭvidis, kion Eŭropo bezonis. « Laŭ mia opinio », li diris, « Eŭropo kaj la civilizita mondo establus en Romo tribunalon de arbitracio, prezidata de la Papo, kiu estus informita de ĉiuj malkonsentoj inter kristanaj princoj. Tiu ĉi tribunalo de superega aŭtoritato prijuĝus inter la potenculoj, kaj restarigus al ni oran epokon ». En 1794 meze de suferado de la franca revolucio, la protestanta *William Pitt* la plej lojala ŝtatisto de Anglujo, parolis jene : Alia kaj nova ligilo por kunigi ĉiujn naciojn devas esti fondata. Nur la Papo povas formi tian ligilon de unuiĝo. Ĉar neniu je unu momento dubas pri la honesteco de liaj juĝoj ». Kvankam senkredulo li estis, *Voltaire* ankaŭ (1694-1778) tenis multe la saman opinion : « La intereso de la homa raso », li diris, « demandas kontrolon por moderigi la suverenojn kaj por protekti la vivojn de iliaj regatoj. Tiu ĉi kontrolo povas esti unu de religio, metita per internacia kontrakto en la manoj de la Papo. Tiuj ĉi superegoj episkopoj, intervenante inter tempaj kvereloj, nur por pacigi la disputantojn, memorigante reĝojn kaj popolon pri iliaj devoj, riproĉante iliajn krimojn, kaj surmetante ekskomunikon al la atakanto, estus rigardataj kiel la figuro de Dio super tero ». La ekskomuniko, de kiu Voltaire parolas, estis la interdikto de iu nacio, kiu ofendis justecon, la blokado de ĝiaj pordoj, la bojkoto de ĝia komerco, la praktika kaj politika elbaro de la ofendanto el la internacia naciaro.

La protestanta *Voigt* en la historio de Gregorio VII, kaj *Hurter* en tiu de Inocento III, konfesas ke la Papoj estis la bonaj geniuloj de civilizado, la defendantoj de la popolo kontraŭ la tiraneco de la germanaj Cezaroj, la perantoj de paco, la reakordigantoj de monarkoj, la arbitraciantoj de justeco, kaj ke iliaj juĝoj pri internacia disputoj ofte fortenis militon.

Kaŭze de Papoj la internacia leĝo estas formita : « La papauté », diris Guizot, « a posé la pierre fondamentale du droit international » (La papeco ponis la ŝtonon fundamentan de la internacia rajto) kaj la saĝeco, kiun inspiras tiu leĝo, estas taŭgega por legitimi socion, ne sur la bazo de bruta forto, la origino de milito, sed sur kristana idealo, la konservado de la Pax Dei, kiu regus en kristana mondo.

Tradukis el la angla originalo D. W. B.

# Nia Radio-Lingvo.

La fodo de **Internacia Katolika Radio-Oficejo en Koeln** estas tre granda progreso ne nur por la radio-tekniko mem sed ankaŭ por la tuta katolikismo.

Jam ekzistas Internacia Unio de Radiofonio en Ĝenevo, al kiu apartenas preskaŭ ĉiuj sendstacioj de Eŭropo kaj granda nombro d eekstereŭropaj sendiloj. Sed en tiu ĉi komitato estas reprezentataj nur teknikaj, naciaj kaj ekonomiaj interesoj.

Ĉu rilatas radio nur al tiu ĉi interesoj? — Jam nuntempe la radio estas eminenta faktoro de la tuta homa kulturo! Kaj ĉar la homa kulturo ĉiam dependadas de homa religio, tial ĉiam kaj ĉie religio treege influas la homan kulturon kaj ties faktorojn. Konata estas la grandega kaj bonega influo de katolika religio sur scienco, arto, musiko, skulptado, pentrado, k. t. p. la malnovaj kulturfaktoroj de la homaro. Nun venas la religia influo sur radio-tekniko, la plej moderna kulturilo en la tuta mondo. Jen la kia[illegible]por fondo de Internacia Katolika Radio-Oficejo.

Estas kompreneble, ke katolikaj interesoj en radio povas esti reprezentataj nur per kunigo kun la katolika eklezio. Kaj ni havas tre multajn tieajn interesojn en radio. Mi nur mencias : la kunlaboradon de radio en Dio-servo, katolika musiko, kantado kaj literaturo, ankaŭ eklezia skulptado, pentrado kaj teatro en bild-radio. Grave interesas la radio-komuniko de la papo kun sia anaro en la tuta mondo. Per tio oni povas plifaciligi la bedaŭrindan senliberecon de la papo en Romo. Katolikaj sendstacioj devas demandi ĉiaman komunikeblecon kun vatikana sendstacio. Milionoj da katolikaj radiuloj en la tuta mondo postulas garantitan ricevebleccon por la vatikanaj ondoj.

La konsekvenco de vatikana ondo nun estas la uzo de radio-lingvo Esperant[illegible]or ĉiuj katolikaj popoloj. Latina lingvo ne povas fariĝi radio-lingvo, pro tro malfacila lernebleco. Latina estas la honorinda lingvo de liturgio kaj de eklezia ofico. Sed en praktikaj aferoj Esperanto estas ĉiama moderna helpilo por komuniki kun ĉiuj naciuloj, ĝi estas tre klara kaj komprenebla mondlingvo, bonege aŭdebla en ĉiuj aŭdiloj kaj laŭt-paroliloj. Preskaŭ ĉiuj aŭdantoj neniam povas traduki fluantajn alilingvajn paroladojn en aparato, sed tre baldaŭ ili tradukas esperantan alvokon de fremdlanda stacio. La esperanta alparolanto estas teknika neceseco en ĉiu sendstacio precipe en katolika. Neniu nacio estas kontraŭ Esperanto kiel fremdnacia lingvo. Esperanto estas komprenata ĉe ĉiu popolo, kiu uzas radio-teknikon, eĉ en senkulturaj landoj. Ĝi estas internacia kiel la radio-ondo, internacia kiel la katolikismo mem. Katolikismo kaj radio kaj Esperanto bezonas kaj kompletigas unu la alian. La plej granda invento de homaro estas Esperanto kaj radio. Uzu ni la plej grandan inventon en servo de la katolika eklezio! — Por Dio la plej bono estas sufiĉe bona!

**Otto GRAF.**

# La Tago de la Katolika Gazetero

## en Hispanujo en la jaro 1928.

*De PETRO Kardinalo Segura y Saenz, Cefepiskopo de Toledo.*

Inter la multvaloraj elementoj, kiuj povas pli efike kontribui al la evoluado de la katolika agado, la Katolika gazetaro certe okupas preferan lokon, tiel ke oni povas certigi, ke la pli aŭ malpli granda florado de la Katolika Gazetaro en iu ajn nacio neŝanĝeble markas la prosperecan indekson de la Katolika Agado en si mem.

Ju pli katolika la gazetaro estas, kaj ju pli grandan disvastigadon ĝi estas atinginta en un popolo, des pli grandan influon ĝi sendube atingos en la kristana edukado de la intelektoj kaj de la koroj; pli kristane modelos la publikajn morojn, pli trafe orientos al komuna bonstato la popolamasan opinion, pli potence detenos la antaŭeniron de la malbono, kaj pli kuraĝege defendos la bonan celon.

Ne estas strange, sekve, ke Nia Sankta Patrino la Eklezio, aljuĝinte al la Katolika gazetaro postenon tiel distingan en la armea antaŭenmarŝo de la Katolika Agado, ĝin nomante « *la plej potenca batalilo de la krista apostolado* », rigardis de la komenco ne nur bonvoleme, sed eĉ grand prefere la hispanan institucion LA TAGO DE LA KATOLIKA GAZETARO, starigita unue pri ekskluzive nacia celo, kaj kiu estas atinginta civitanan postenon tra la tuta katolika mondo.

Ne estas strange, ke Nia Sankta Patrino la Eklezio estas malferminta siajn trezorojn, por ilin plenmane disverŝi inter tiujn bonajn filojn siajn, kiuj hunhelpos per siaj preĝoj, per sia propagando kaj per siaj donacoj por la disvastigo de la TAGO DE LA KATOLIKA GAZETARO.



**Lia Episkopa Moŝto Msgr. Giardini, Apostola Delegito en Japanujo.**

# REVENO AL NAZARETO

De Anne Serve

Jam frue noktiĝis, kiam la azenino de Jozefo haltis antaŭ la eta domo. Li svingis la kolbridon ĉirkaŭ la trunko de la maljuna sikomoro, kiu staris apud la ĝardeneto, kaj li levis la brakojn, por preni la infaneton de la sino de Mario. Mario sa u facilmove malsupren; ŝia vizaĝo estis pala pro kortuŝo kaj ĝoja emocio. Jozefo liberigis la infanon de la mantela tuko kaj levprenis ĝin sur sian brakon. Jen ĝi ekjubilis kaj etendis siajn manojn al la patrino. Ŝi prenis ĝin kaj karesis ĝiajn helajn harbuklojn.

« Cu vi tute ne estas laca, steleto mia? » Ŝi ridete demandis. « Jen, ni estas nun hejme, kaj la patro malfermas por ni la pordon. Ĉu vi vidas? »

Si premis la knabon forte al si kaj paŝis per tremetanta piedo sur la dom-sojlon. En la ĉambreto Jozefo puŝmalfermis la fenestran kovrilon, kaj arĝenta lunlumo enfluis. Ĉio staris tiel, kiel ili ĝin forlasis antaŭ jaroj en ventega aŭtun-nokto. La fajro-ŝtono, la tablo kun la du seĝoj, la bobenstango, la larĝa murbreto kun la akvokruĉoj; la arĝenta kandelingo kaj la skrib-volvaĵo; sur la fenestra breto la sabat-lampo, kiu estis ankoraŭ plena de oleo. En la apuda ejo estis la kuŝejoj, gracia lulilo kaj super ĉio la blanka, paca lunlumo. Mario portis kun kvieta feliĉego sian infaneton tra la malgrandaj ejoj kaj montris al ĝi ĉion kaj babilis al ĝi en sia kara maniero. Jen Jozefo eniris. Li estis depreninta la vojaĝ-sarĝojn de la azenino kaj kondukis tiun ĉi en la stalon. Nun li rakontis : « Mario, tie ĉio estas, kvazaŭ ni neniam forlaŝis ĝin. La ŝafo staras en la stalo, havas kuŝpajlaĵon kaj furaĝon kaj ĝi ne spertis malhavon. Maso da fendita ligno kuŝas tavolite en la korto; en la ĝardeno ne multegiĝis la herbaĉoj, kaj la vojetoj estas freŝe surŝutitaj. La najbaroj prizorgis nian apartenaĵon, kvazaŭ ĝi estas la ilia. Dio rekompencu ilin! »

Li portis la vojaĝ-sakon kaj sian bastonon kaj la blank-polvumitajn migro-ŝuojn en sian metiejon.

Mario diris : « Mi kuŝigos la infanon, kaj poste mi aranĝos por ni vespermanĝon. La okuloj de Steleto fermfalas ». Jozefo portis lignon sur la fajrejon, kaj Mario kuiris vespersupon. Dume ŝi portis la infanon, kiu metis la brakon ĉirkaŭ ŝia kolo kaj la kapeton sur ŝian ŝultron. Sed ĝi ne dormis. Ĝi kuŝis kun duonfermitaj okuloj kaj aŭskultis, kion la patrino tiom dolĉe kantis, senlaŭte irante tien kaj reen :

« Dormu nun, dormu, mia kara infano, aŭskultu, en la palmoj blovas mallaŭte la vento, ludas kun nardo kaj aloo, plendas ĉirkaŭ via liteto tiom dolĉe kaj sopire, ploras kun mia infano. Dormu, dormu! Ora steleto ridetas kaj salutas el noktblua malproksimeco. Tremante ĝia brilo flugas ĉirkaŭ via liteto, por ke mia infaneto ne kuŝu en malhelo kaj estu varmigita. Dormu nun, dormu! Sur la brako de patrino mia infaneto ripozas de ĉiu ĉagreno. Mi ne alportis por vi silkon kaj trezorojn, ne la luksegon de malnovaj palacoj; mi estas kiel mia infano malriĉa. Dormu, dormu! Nun ni estas hejme; mi mian infaneton trinkigas ĉelarajn gutojn; ĝi dormas sur tolaĵo, tiel blanka kiel neĝo; ĝi ludas kun mirto kaj aloo. Dormu, dormu, ni estas hejme.

Ŝi prenis la argilan ujon de la fajro, sidigis sin sur la seĝeton, kaj la luno aperis malantaŭ la sikomoro kaj rigardis, kiel donis Mario la vespersupon al sia infano. Tiam ŝi kuŝigis ĝin, diris la vesper-benon ĉe ĝia lulilo kaj staris ankoraŭ iom da tempo kaj rigardis ĝin, kiel ĝi kuŝis kaj dormis. Poste ŝi larĝe malfermis la fenestron, prenis la bluan vualon de sia hararo kaj pendigis ĝin super la lulilo. Fine ŝi mallaŭte reiris en la kuirejon, instigis la fajron kaj preparis la vesper-manĝon. Dum ili sidis ĉe la tablo, malpezaj paŝoj supreniris la ĝardenvojon. Tra la larĝe malfermita pordo aperis malhela ombro sur la blanka planko.

Melodia, malalta voĉo vokis : « Mario! » Estis Rahel, la ludkunulino de Mario en fruaj knabintagoj. « Benita estu via rehejmiĝo! » ŝi diris « Kiel mi ĝojas, ke vi revenis! Kie vi havas vian knabon, Mario? » Li dormas en la apuda ĉambro, Rahel. Ĉu vi volas vidi lin? « Jes ». « Jam venu! »

Mario iris al la lulilo kaj levis la vualon. Rahel genuiĝis kaj rigardis per lumantaj okuloj la dormantan knabon.

« Vi havas belan infanon, Mario. Ĝi havas buŝon kiel granatfloro kaj buklojn kiel stela lumo. Kaj ĝiaj manoj estas kiel florfolio. Rigadu, jen ĝi ridetas. Ho Mario, kiel feliĉega vi estas! » Post iom da tempo, dum ili rigardis silente la infanon, Rahel mallaŭte diris sin levante : « Mi alportis por li malgrandan ludkamaradon. Mi alkondukos ĝin ». Ŝi rekuris en la ĝardeneton, kie ŝi en la herbon estis sidiginta blankan, etan ŝafidon. Nun ĝi ekdormiĝis. Ŝi levprenis ĝin zorge sur sian brakon; ĝi ne vekiĝis. Ridetante ŝi portis ĝin en la domon kaj kuŝigis ĝin antaŭ la lulilo. « Ĉu via knabo ĝojos, Mario? » ŝi demandis mallaŭte. «Certe, kara Rahel, vi vidos tion morgaŭ ». La juna virino ree genuis antaŭ la lulilo, por rigardi la dormantan infanon « Vi havas mirindan infanon, Mario; vi ankoraŭ vidos mirindaĵojn de ĝi! »

Trans la vizaĝo de Mario flugis ombro; sed ŝi ridetis. « Kiel Dio volas, Rahel », ŝi diris mallaŭte. Ŝi ree kovre tiris la vualon kaj iris kun la amikino ĝis en la ĝardeneto. Tra la verde surkreskita pordeto venis iu virino kun unu kruĉo sur ĉiu ŝultro. « Dio benu vian rehejmiĝon, Mario! » ŝi vokis el malproksimo kaj malsuprenigis la kruĉojn. « Mi alportis akvon de la puto, por ke vi ne devas malsupreniri dum la varmego de l'tago. Kiel fartas via knabo? » « Li dormas, Marta. »

« Tiam mi venos morgaŭ dum la vespera malvarmeto; nun mi devas hejmeniri. Kiel mi ĝojas, ke vi revenis! Mi havas junan, neĝblankan paron da kolomboj; mi alportos ĝin por via knabo. Jozefo povas porti la kruĉojn en la domon. Ĉu vi kuniras, Rahel? » « Jes, dormu bone, Mario! » « Vi ankaŭ, Rahel kaj vi, Marta! Mi dankas vin. »

Por la bonaj katolikoj, kies devizo estas « Senti kune kun la Eklezio » devus sufiĉi la altsignifaj vortoj de la Suverenaj, Pontifikoj, kiuj plenmalavare aprobis kaj benis LA TAGON DE LA KATOLIKA GAZETARO.

Benedikto XV-a, honormemorinda, parolante pri LA TAGO DE LA KATOLIKA GAZETARO, gratulis la hispanan Episkoparon « *pro tio ke ili favoris celon tiel interesan al la koro de la Papo, tiel ke ĝi estas nuntempe ĉefafero por la religia kaj morala bonstato de la civila societo* ».

La Suverena Pontifiko, Pio XI-a malŝparis la atestojn de sia patra bonvolemeco al ĉi tiu Agado, pri kiu oni diris en L'OSSERVATORE ROMANO, « ke ĝi povas esti ekkomenco por la definitiva solvo de la problemo de la Katolika gazetaro ».

Per letero adresita de Lia Kardinala Moŝto, la Ŝtata Sekretario de Lia Papa Moŝto, al Lia Kardinala Moŝto. Ilundain, la 23-an de Aprilo de 1925a diris : « *La kutimo ĉiujare festi, la 29 an de Junio, feston de Sankta Petro, la* TAGON DE LA KATOLIKA GAZETARO *per preĝoj kaj konvenaj konferencoj devas esti plene aprobata kaj laŭdata de la Sankta Papo* ».

Hispanujo, ĉiam obeema al la voĉo de la Papo, respondadas jaron post jaro per progresanta malavareco, kiel oni konstatas per la publikaj statistikoj, al la alvoko farita de la Episkoparo.

Sed estas necese konstati, ke ankoraŭ mankas multo por fari, ne nur rilate la devan ĉiutempan kunhelpon, kaj per ĉiuj katolikoj, al la Katolika Gazetaro, sed ankaŭ rilate la plenan organizadon kaj la rezultatojn praverajte esperotajn de la TAGO DE LA KATOLIKA GAZETARO en nia patrolando.

Oni devas suprenirigi niajn korojn al la ĉielo, kun dolĉa espero pri pli bonaj tagoj por la enradikiĝo de la regado de la Sanktega Koro de Jezuo en Hispanujo, de kiu la KATOLIKA GAZETARO devas esti la heroldo.

Supozante la sencesajn preferecajn pruvojn, kiujn la Sanktega Virgulino havigadas al ni de la Kolono, Kovadonga, Guadelupe kaj de multegaj aliaj Sanktejoj, kiuj samtempe estas palacoj de nia Reĝino kaj Patrino, kaj rokaj kasteloj de nia fido, ni devas teni la konfidon, ke Ŝi, la Ekstermantino de la herezoj, per sia Virga piedplato premegos la hidran kapon de la malbona gazetaro, kiu ne ĉesas meti insidojn kontraŭ la Sankta Eklezio.

Per la protektado de la Plejaltulo, kiun ni devas konstante petegi pere de la Patronsanktulo de la tuta Eklezio, la glorega Patriarko Sankta Jozefo, kaj per la kunhelpado de ĉiuj bonaj katolikoj, ne estas dube, ke la venko estos nia.

## GAZETO, KIU LIN NE ATINGIS...

Niaj gelegantoj scias, ke la rusa registaro ne enlasas nian Katolikan Mondon. Ankoraŭ ne ricevinte la de Moskvoa Glawlit petita enirpermeso por KM., ni lasttempe sendis nian gazeton ne sub banderolo, sed kiel letero. Tamen, la rusaj poŝtoficistoj ekkonis sub tiu kovrilo la « lupon en ŝafvesto » kaj malapérigis la sendaĵon. La redakcio de KM. do estis surprizita kaj samtempe ĝojigita, kiam atingis nin la jena letero de ruslanda pastra kunlaboranto.

### TRE ESTIMATA S-RO REDAKTORO!

Kvankam mi ne ricevas vian ŝatatan gazeton KM., tamen mi decidas de tempo al tempo skribi al vi pri novaĵoj, okazantaj en nia Eklezio. Eble viaj miaj skribaĵoj estos interesaj por vi kaj viaj abonantoj.

En la fino de majo nunjare en Moskva okazis la Tut-Unia Konferenco de la agentoj de la agitaj, propagandaj fakoj gugerniaj. La raportanto, s-ro Krisnicky atentigis la konferencanojn pri « sukcesoj » de la kontraŭreligia agitado. Laŭ liaj vortoj la Eklezio tre vigle laboras inter kredantaro. La eklezianoj, por prepari sin por luktado kun kontraŭreligia propagando, studas la ateistan literaturon eĉ « Kapitalon » de Karl Marks. Ili organizas junularorganizaĵojn, ekzemple en kelkaj regionoj de Saratova gubernio tiaj organizaĵoj havas 50 % de gejunularo; en Melitopola distrikto entenas eĉ 90 % de gejunularo. En la tuta respubliko la Eklezio havas 40-50 preĝejojn, 300.000 pastrojn de ĉiuj kredkonfesoj, dekkelkmillionojn de kredantaro. Eĉ en kelkaj laboristaj regionoj la Eklezio havas influon.

Do, la « sukceso » de la kontraŭreligia laboro estas okulvidebla! Ĉu ne, kara leganto? Se ni trarigardas la gazetojn de ateista direkto, vi same trovos ion interesan en tiuj ĉi rilato. Ekzemple, en vicoj de instruistaro de la urbo Murom oni rimarkas ironian rilaton al la ateistaj (kontraŭreligiaj) organizaĵoj. Kelkaj instruistaj de la lernejoj opinias sia devo ĉiufesttage viziti preĝejon por preĝi. En Smara gubernio « gejunulaj komunistoj eĉ partoprenas en preĝejaj horoj kaj iafoje ili estas iniciatoroj de diversaj kolektoj por pastrara bonstato ». Sed Pavlovska distrikta konsilantaro eĉ decidis finkonstrui la preĝejon komencitan en 1914, kaj denove komenciĝis laboro ».

Serpuĥov, Vladimir, Penza kaj en Smolenska gubernio laboristoj de la fabrikoj kolektinte [illegible]pravole en sia medi omonon, uzas ĝin por [illegible]struado de la preĝejoj en siaj fabrikregionoj.

Eble vin interesas vizitado de la kontraŭreligiaj lekcioj en klubejoj. Ĉu publiko estas multnombra, konkludu laŭ la jena ekzemplo :

La Sendiulrondeto en klubejo « Spartak » (en Arĥangelsk) aranĝas kontraŭreligian « vesperon». Oni disvastigas afiŝojn pri tio, dissendas invitilojn kaj eĉ eluzas 20 rublojn por kinematografa filmo. La rezultato : La « vespero » ne povis okazi, ĉar eĉ ne unu sendiulo alvenis por ĉeesti ĝin. Sed

---

La trankvileco de la nokto kaj la arĝenta lunbrilo envolvis la dometon en Nazareto. Mario kuŝis maldorme sur sia lito kaj aŭskultis la spirojn de sia infano.

« Mi dankas vin, Patro en la Ĉielo! » ŝi mallaŭte diris. Kiam la lunlumo elvenis de malantaŭ la sikomoro, por esplori, Mario ankaŭ dormis, kaj ŝia mano kun la strange formita ringo kuŝis sur la bordaĵo de la lulilo.

Trad. M. SCHŒTTL.

## Antikvaj kaj Modernaj Banoj.

De d-ro *Dœrgens*, paroĥestro, en Traar-Krefeld (Germ.)

Nur en la tempoj de la malmoraliĝinta romankaj helenismo, kiam la pagana vivĝuado pli kaj pli grandiĝis, sekve de kreskanta bonstato, kaj samtempe la luksego kaj malmoraleco, oni trovas la kunan banon de du seksoj. Tamen tiu banmaniero tute ne estis opiniata honesta, se oni povas kredi la vortojn de la retoro Kvintiliano (Ia jarcento post Kristo), kiu skribis, ke « nur adultantinoj banas kune kun viroj ». Kian manieron akceptis la farado, kiun naŭzege priskribas al ni la poetoj kiel Ovido, Juvenalo, Martialo kaj Properco oni povas konkludi per tio, ke idolanaj imperiestroj, kiel Hadriano, Marko Aŭrelo kaj Aleksandro Severo (en la 2a kaj 3a jarc.) perleĝe malpermesis la kunan banon de viroj kaj virinoj. Tio certe mirigos kelkajn nuntempajn jurnalistojn! Jam Herodoto, greka historiisto, en 5a jarcento antaŭ Kr. diras, ke virino demetas kun la vesto ankaŭ la hontemon.

Ni nuntempaj homoj nur malfacile povas imagi la pompon kaj rafinitan lukson, per kiu la privataj kaj publikaj banejoj estis tiutempe ornamataj — en Romo oni nombris dum la regado de Konstanteno 856 publikajn banejojn — kiel oni kondutis tie, kiamaniere oni manĝadis kaj trinkadis, sin amuzadis kaj fanfaronadis en la servo de aristokrata vivmaniero, sed ankaŭ en servo de malestanta memdisciplino kaj pagana voluptemo. La filozofo Seneko skribis en unua jarcento p. Kr. : « La eltrovo de luksegaj banejoj faris la homojn nur pli malpuraj ».

Kion nu faris la juna kristanaro vidante tiun malmoralecon? Ilia farado estas ankaŭ por ni imitinda : Ĝi akceptis la banon senhezite de la tiamtempa kulturo kiel ilon de korpa purigo kaj kiel postulon de sanigo.

Pri Johano apostolo estas skribata, ke li vizitis en Efeso la banejon. La historio rakontas pri neapla episkopo nome Agnellus (9a jarc. p. Kr.), ke li faris stipendion por sapo, kiu dufoje en la jaro, Kristnaskon kaj Paskon, devis esti disdonata. Sed kun tuta forto kaj kun tuta decidemo la kristanaro batalis kontraŭ ĉiuj okazoj de seksa peko, kie ajn tiu troviĝis.

Klemenco el Aleksandrio, nobla, vere pratempa kristano, skribis en 3a jarcento jene : « La antikvaj atletoj hontis nudmontri la viran korpon. Per zontukoj kovrite, ili gladiatoris kaj tiel konservis la dececon. Sed tiuj virinoj (en la banejoj) eltiris kune kun la vesto ankaŭ la honestecon. Kiel belaj ili estas, ili deziras montri, sed nur senvole ili pruvis, kiom malhonestaj ili estas ».

La koncilo de Laodiceo malpermesis, ke eklezianaj personoj, poste ankaŭ laikaj kristanoj banu kune kun virinoj. Cipriano el Kartago plendegis, ke kristanaj knabinoj iras en la komunajn banejojn, kaj li kontraŭdiras la argumentojn de varmegsangaj afrikaninoj jene : « Dependas de tio, vi diras, kiaintence oni tien venas. Mi nur volas freŝigi la korpon kaj bani. » « Sed tiu ĉi kontraŭdiro vin ne purigas kaj ne senkulpigas la pekon de senbrida malpripensemo. Tia bano ne purfaras, sed malpurigas, ne purigas la membrojn, sed malpurigas ilin. Vi neniun volupteme rigardas? Sed vi mem estas rigardata volupteme. Vi ne makulas la okulojn per nehonesta emo? Sed emigante aliajn, vi mem estas makulata ».

Ankaŭ marbanojn konis la antikva tempo, inter ili estis malbonfamaj Bajo en Italujo kaj Kanoboso en Egiptujo per ilia petoleco kaj senbrideco. Voluptuloj, kiujn elpelis el Romo malsolventeco, fordiboĉis en Bajo la monon de iliaj kreditoroj per ostrobankedoj. Vidi tie ŝanceliĝantaj ebriulojn, estis kutima aspekto. Kaj rigarde al Kanoboso, oni ĝenerale parolis pri « Kanobosa diboĉado » [illegible]

Kio sekvas el tiuj mallongaj historiaj notoj? [illegible]e la katolika eklezio, leviĝante sian petantan kaj avertantan voĉon kontraŭ nudkulturaĉo kaj kunebanoj kaj senbrida bordovivo ĉe riveroj kaj lagoj, sole agas kiel fidela gardanto de tradicia honesteco kaj ĉasteco kristana. Plue, ke tiuj, kiuj atakas pro tio la eklezion, restas ankoraŭ malantaŭ la prihoma kono de la nekristanaj.

---

« ĝenerala kunveno de gelaboristaro de « Ustinjskoj » — fabriko ne okazis la 27-an de aŭgusto, ĉar laboristinoj foriris en la preĝejon por ĉeesti la diservon. Tio okazis en Moskva.

En Saratova gubernio la laboristaro de fabriko « Krasny Oktjbij » (« Ruĝa Oktobro ») por siaj groŝoj konstruis la preĝejon ».

En Dulevo oni kolektis tri mil rublojn por konstruado de la preĝejo, sed la fabrika regiono (en Vladmira gubernio) de « Komunista Avangardo » kolektis por la sama celo 40.000 rublojn.

Do, vi konkludu mem, ĉu la kontraŭreligia propagando influas religian senton de kredantaro. Mi je tiu ĉi demando respondas jese, ĉar la religia sento ne estingiĝas, sed pli flamiĝas.

Por pliaktivigi la kontraŭreligian propagandon en la klerigorganizaĵoj, la popola klerigkomisario proponis al la porklerigfakoj aboni la kontraŭreligian literaturon, nome gazetojn « Sendiulo » (Bezbojnik), kaj « Kontraŭreligiulo » (Antireligioznik). En la budĝeto por la jaro venonta oni antaŭdifinis la krediton por akiri de la kontraŭreligia literaturo.

La katolika pastraro organizis en Soveta Ukrajno la religiajn rondetojn kaj societojn « tarcianaj ». Tiuj ĉi rondetoj estas tre disvastigitaj inter tiea katolikaro kaj ili estas multnombre vizitataj. En vilago Greĉani de Proskura regiono en 1926 estis 57 tiaj rondetoj. La gazetaro « Sendiulo » interalie skribas pri ili la jenon : « La katolikaj religiaj rondetoj kaŝas sian ekzistadon. Ili estas tre malutilaj ne nur pro tio, ke ili helpas malklarigi konscion de la popola amaso respektive al la interesoj de riĉularo kaj de la Eklezio, sed ankaŭ pro tio, ke ili ludas malutilan, kontraŭkulturan rolon ».

Pro manko de liberaj terspacoj en la centro de la urbo (Moskva), necesaj por ĉiujare pligrandiĝanta loĝejokonstruado, la Moskva Soveto decidis nuligi nunjare la kvar preĝejsonorilejojn, tri preĝejojn je la nomoj de S. Nikolao, Trisanktuloj kaj Sanktulino Paraskeva- Vendredulino, kaj tri kapelojn.

Grandanime pardonu min, karegaj amikoj, pro mia tre longa skribaĵo. Timante tedi al vi, mi rapidas finskribi ĝin. Ĝis la sekvonta!

Frate salutas vin tute via « VJATIC ».

## MALINDAĴOJ DE NIA KULTURO.

Du milionoj aŭtomobiloj portas la fabrikmarkon Buick. Ĝi estas la nomo de unu el niaj plej grandaj aŭtomobilkonstruistoj, kies gepatroj pro la kreskanta malriĉiĝo de la skotaj kamparuloj antaŭ 70 jaroj forlasis Skotlandon kaj elmigradis Nordamerikon, kiam la juna David Buick ankoraŭ surhavis robeton. Buick ellernis la instalistan metion kaj atingis, ĝis la 40a jaro, sufiĉan financan bonstaton kiel fabrikisto de banĉambretoj, akvotubaroj ktp. La altaj elspecoj por transportado de la fabrikaĵoj instigis lin al la aŭtomobilkonstruado. Li konstruis nekomplikan, facile manipuleblan motoron kaj fondis la Buick-aŭtomobilfabrikejojn. Kiam en Eŭropo la aŭtomobilmotoroj estis ankoraŭ tre komplika, lia obstina energio eltrovis konstruaĵon ebliganta la aĉeton kaj funkciigon de aŭtomobilo por relative malgranda monsumo eĉ al la « homo sur la strato ».

Sep jarojn li laboradis tage kaj nokte al la perfektiĝo de la entrepreno, ĝis 1910 la eksterorda streĉado kaŭzis lian kompletan sanecan ruiniĝon. Por savi la vivon li devis postlasi la fabrikejon kaj iri Kalifornio'n. Iom post iom li estis devigata vendi malmultekosta sian tutan akcioparton de la entrepreno, kiu tiam ankoraŭ ne estis tiel mond konata. Kiam li estis korpe pli-malpli resaniĝinta sed finance malriĉiĝinta, ekkomencis la mondmilito. Liaj iamaj amikoj, aĉetintaj de li la akciojn, fariĝis ĉiuj milionuloj, sed ili rifuzis helpi al la maljuniĝinta viro. Hodiaŭ 74-jara, li sin nutras modeste per horsalajra ofico de instruisto al maŝinfaka lernejo en Detroit.

Kial tiu-ĉi bildo en ĵurnalo katolika? Unufojon pli ĝi vidigas tragedion el nia senanima, tute maŝinkultura epoko, kiu tiel ofte malriĉigas la geniulon kaj faras milionulo la ruzan ekspluadiston.

Hägendorf (Svislando) P. HOFER.

## KATOLIKA KAJ ESPERANTO-MOVADO.

### AUSTRUJO.

*Wien.* — En la lasta tempo la laboro ĉe la katolikaj esperantistoj estas tre vigla.

Ĉiumonate okazis en la Minoriten- preĝejo dimanĉa diservo kun prediko de pastro prioro Wolfgang Nedwid OSB., kaj patro Francisko Meŝtan. Dum la sankta meso la ĉeestintoj kantis el « Kantaro Katolika », orgenakompanite de nia amiko Leopold *Chiba*. — Bone vizitata lumbildprolado okazis en katolika virinejo F. ino Anna *Tomasek* parolis esperantlingve pri la Sankta Lando, dum kiam s-ro Rudolf Foltanek montris tre belajn bildojn.

La 21 junio nia honorprezidanto patro Franc. *Meŝtan* festis sian *40jaran pa'tran jubileon*. La membroj de nia unuiĝo honoris la jubile anton prezentante al li li la belegan artaĵon « Vivo de Albrecht Dürer ». Nian 75-jaran membron S-ron *Sipser*, ni gojigis per honordonaco. — Sed kiel ni ankau honoras niajn mortintajn membrojn, montras la multnombra vizito ĉe la tombo de nia en 1926 mortinta s-ino Gabriele *Krämer*. Post nekrologo al la meritplena mortintino oni preĝis por la savo de ŝia animo. Poste la gesamideanoj kunvenis en la Josef — preĝejeto (Einsildelei), kie pie ni aŭdis la belan kaj edifan predikon de pastra moŝto Kudrnovsy. Solena beno finis la preĝejan funkcion. En najbara gastejo tiam la samideanoj pasigis kelkajn agrablajn horojn. — Nun komenciĝas la ferioj. En septembro ni volas daŭrigi niajn laborojn por la katolika Esperanto-movado kun gaja kuraĝo kaj freŝaj fortoj.

### POLUJO.

**La loĝantaro de Polujo kreskis je tri milionoj.** En jaro 1921 havis Polujo 27 201 738 loĝantojn. Laŭ la provizora statistiko, aranĝita por la Ia januaro 1928, la Statistika Ĉefoficejo montras, ke la nuna loĝantaro de Polujo estas 30 212 926. Dum sep jaroj ĝi kreskis je 3 011 188 loĝantoj.

**La plej granda pola organizaĵo de la junularo.** Oni povas ĝoji, ke en Polujo kreskas la katolika organizajo junulara. Ĝi konsistas el Societoj (Stowarzyszenia), Ligoj (Zwiarki) kaj Unuiĝ (Zjednoczenie). Laŭ la nuna stato ĝi havas 3609 Societojn, 25 Ligojn. La Unuiĝo havas centron en Poznan. Ĝi konsistas el la diecezaj Ligoj, kaj la Ligoj el la Societoj. En la viraj Societoj estas 67640 membroj, en la virinaj 61455, en la miksaj Societoj 1349 membroj. Kune la Unuiĝo havas 130444 membrojn. Se oni aldonas la Societojn, kiuj ne alsendis la protokolon, la Unuiĝo havas ĉirkaŭ 150.000 membrojn. La plimulto da junularo estas post finita lernado en lernejoj. La lernejojn sole vizitas 3916 personoj. En agrikultoro ĉe la gepatroj laboras 54496, en bienejoj 9156, en industrio 10003, en metio 16647, en komerco 3387, en oficejoj 3238 personoj, ktp. Junularo en jaroj 14-18 estas 56257, en jaroj 18-25 61679. La membroj de la Societoj abonis la « Amikon de la Junularo » (Przyjaciel Mlodziezy) en la nombro da 11555 ekzempleroj (por junuloj), la « Junan Polinon » (Mloda Polka) en nombro da 20423 ekzempleroj, la « Direktilon de la Junulsocietoj » en nombro da 3763 ekzempleroj. La laboremo kaj kreskado de tiuj katolikaj Societoj estas granda ĝojo kaj espero de Polujo. Pro. Makara.

## Pri Meksikio.

La jezuita patro *Paul Dudon* skribas en la Pariza katolika revuo « *Les Etudes* » :

« Kiam generalo Obregon, la 13 novembro 1927, iris al la bovobataloj, lia aŭtomobilo estis ŝutkovrata per pafaĵoj kontraŭe de la amerika ambasadorejo. Laŭ la unuaj policaj sciigoj du el la atencintoj mortis surplace, du aliaj elsavis sin. Baldaŭ poste la policestro informis la ĵurnalistojn, ke oni estas sur la piedsignoj de eminenta ano de la partio kontraŭ la reelekto de tiamtempa prezidanto Calles. La 21 novembro deklaris generalo R. Cruz, ke la membroj de la Ligo por religia defendo estas la kulpaj. Precipe en la domo de *P. Pro. Juarez* oni trovis (tie! diris la generalo) materialon por bombofarado, kaj tie estis kaŝita dum 10 tagoj la aŭtomobilo, per kiu la atencintoj estis postirintaj Obregonon. La 23 novembro do patro Pro. Juarez estis malliberigata de la kaŝpolicanoj, same lia frato *Humbert*, la inĝeniero *Segura* kaj la metiisto *Tirado Aris*. La saman tagon ankoraŭ sen iu aŭskultesploro, tutsole laŭ la ordonoj de la konstituciaj leĝoj, sur kiuj Calles sin ĉiuokaze apogis, ili estis pafmortigataj. Registaro, kiu depost jaroj tielmaniere agadas kontraŭ la leĝoj, ĉiuj registaroj de la mondo devus proskripcii kaj interdikti ».

Oni scias, ke la sama generalo *Obregon*, kelkajn tagojn post lia reelekto, estis morttrafata ĉe bankedo per la pafaĵoj de juna atencinto. En jaro 1926 en Meksikio 147 pastroj estis mortigataj. Jen, kion skribis internacie konata ĵurnalisto Mc. Cullagh : « La politika mortigo estas tagaĵo kaj neniun mirigas. La malliberejoj de Calles estas tiom teruraj, kiel tiuj de Soveto. Se Rusujo havas sian Siberion, Meksikio havas siajn Marioinsulojn, Se Rusujo posedas sian organizitan mortigaron, sian Ĉeka'n, Meksikio havas siajn terorbandojn. Ĉiuj gazetaraj informoj estas cenzurataj, ĉiuj leteroj estas malfermataj de la policaro, la uzado de iu ajn ĉifraĵo estas puninda. Miloj da meksikianoj ĉiusemajne sin savas el la lando de l'teruroj.

Oni diras, ke tiamaniere jam tri milionoj serĉis azilon ekster sia patrolando. La meksikia registaro provis anstataŭi tiun perdon je loĝantaro laŭeble per tio, ke ĝi kuraĝigas ĥinajn kaj japanajn laboristojn enmigradi la landon. En kelkaj distriktoj jam ekzistas plimultaj orientanoj ol meksikianoj. Sennombraj farmbienoj ne jam estas prilaborataj, la plejmulto da minoj estas senlaboristaj, la oleoproduktado refalis je la duono. Meksikio rektvoje iras renkonte al ruiniĝo sekve de Callesa malbona ekonomio kaj sangoregado. Oni sciigas teruraĵojn, kiuj eĉ ne ekhaltas ĉe infanoj, pendigante ilin je la dikfingroj aŭ similmaniere ilin mortturmentante. Dek mil kaptistojn oni mobilizis kontraŭ la griza ĉefepiskopo Francisco Orozco y Jimonez, kaj la tuta Meksikio kaj Hispanujo resonas je gloro de la jezuita patro Pro. Juarez, kiu, neŝancelebla kiel neniu antaŭe, akiris la sangan martirokronon ».

## Katolikismo kaj Germana Kulturpolitiko.

De d-ro *Richard von Kralik*, Wien.

Kion Plato sonĝis en sia Respubliko, sed neniam esperis, nome ke sole la kleruloj, la scienculoj, la filozofoj estas alvokataj al la regado, tio estas, almenaŭ laŭidee, atingata en la katolika klerikularo. Ĉu kamparanido aŭ princido, tio tie ĉi egalvalidas, ĉi tie nur regadas la spirito. La celibato montras sin ĉi tie kiel plej grava kulturpotenco.

Ĝi malpermesas ĉiun rigidigadon ĉiun kastismon, ĉiun degeneron. Ĝi akcelas ĉiaman renoviĝon, de el freŝa nacieco. La katolika kulturo, kiun, rigardante la homacan historion, on dievas nomi la plej perfekta kulturo, malhavas nur tion, ke ĉiu en ĝi staranta faras ankaŭ tute sian devon kaj ke ĝi estas ĝenerale per tio aprobata. Tio estas kunigata plejinterne kun la katolika lernejoproblemo. La popollernejo dependas de la instruistaj seminarioj, tiuj ĉi de la gimnazioj kaj reallernejoj, ĉi tiuj de la universitatoj kaj akademioj. Sed en ĉi tiuj prezentiĝas la epoka spirito, kiu regas la inteligentecon de la nacio. Ni devas konvinki la nekatolikajn intelektulojn, ke la malkredo kaj la skismo estas kultura kadencaĵo, ke la konsekvenca daŭrigo de la principoj de niaj kontraŭuloj devas konduki ne nur al la ruiniĝo de la estanta, sed de ĉiu kulturo. Tion oni povas argumenti per la okazaĵoj de la lastaj jaroj kaj el la skriboj kaj faroj de la kontraŭuloj de hodiaŭ kaj morgaŭ.

Nur tiamaniere ni povas savi la estontecon kaj la ekzistadon de Eŭropo, ja de la tuta homaro kaj de la kristana humaneco. Granda celo! La celo de la katolika kulturo kaj precipe de ĝiajalvokitaj apogantoj kaj defendantoj en Germanujo, en la plej fruktodona misiolando de la proksimaj jarcentoj.

# EDUKADO AL PACO.

Ĉiam estas dirite, ke la patrino havas la plej profundan influon en la vivo de sia infano ; ke ŝi benas kaj formas ĝian naturon, kaj ke la hejma influo havas la plej profundan efikon sur ĝiajn vivon kaj karakteron.

Multaj pensuloj akceptis ĉi tiun ideon kiel vera, ne demandante kial la virinoj estis nekapablaj aŭ neemaj, escepte de maloftaj kazoj, laŭtigi siajn voĉojn kontraŭ la teruroj de la milito ; rifuzi naski kaj eduki infanojn, por ke ili estu oferataj por iu nekonata batalo en malproksima lando. En ĉiuj partoj de la mondo oni trovas la saman historion de hombuĉado sekvata de malsato kaj pesto ; la malsuprenfalon de unu civilizo post la alia pro tiuj kaŭzoj ; sed escepte de la kazo de « Lysistrata » en la verko de Aristophanes la literaturo havas malmultajn memorojn pri io, kio povus esti nomata la virina vidpunkto rilate al la ĉiama hommortigado.

Estas vere, ke inter aliaj grandaj spirituloj Lionardo da Vinci protestis kontraŭ la « pazzia bestialissima », la « plej besta frenezaĵo », en la sama tempo, kiam li estis eltrovanta detrumaŝinojn — eble kazo de kaŭzo kaj efiko. Kiam infanoj lernas, ke la Atenanoj detruis la Persan ŝiparon aŭ ke tiom da militistoj estas mortigitaj en la batalo de Marathon, ili ne estas samtempe instigataj pensi pri la sentoj en la koro de ĉiu patrino, kiam ŝi forsendis sian filon, por batali en malproksima lando. Bedaŭrinde estas tro ofte, ke instruistoj sen aliaj rimarkoj simple gloras la konduton de la patrino de Coriolanus : « Se mi havus dekduon da filoj, ĉiu egale amata, mi preferus lasi ilin ĉiujn noble morti por la patrolando, ol vidi unu ripozanta malageme... »

Tiuj sentoj, kiom ajn laŭdindaj, komprenceble ne metas la tutan elekton antaŭ la viron. Dum ke povas esti pli noble, riski la individuan vivon en granda afero, ekz. heroeco sur la maro aŭ scienca esploro, ne ekzistas kaŭzo, kial la sola alternativo devas esti malagemeco, kaj estas pripensinde, kiel la eduko de la junularo povas evoluigi tiujn virajn virtojn, ekz. kuraĝon, malegoismon kaj decidoforton, kiuj ja efektive estas evoluigataj per la milito — sed je kiu kosto! : la neevitebla detruo de la vivoj de multaj aliaj homoj kaj la pereigo de ĉiuj pli delikataj kvalitoj, per kiuj la homoj estas ornamitaj

Pacifistoj ĉiam estas kontraŭdirataj per la frazo, ke la homa naturo signifas bataladon, ke la homa naturo peliĝas gajni perforte tion, kion oni ne povas gajni per pacaj iloj. Sed la civilizo, se ĝi signifas ion pli ol nur komplikitajn transport-metodojn, klopodis trankviligi kaj estri la pli sovaĝajn elementojn en la homa koro. Multaj aferoj, kiuj en antaŭaj tempoj estis pensataj permesataj, nun ne plu estas rajtaj. Sed la evoluo de la homa penso ankoraŭ ne mortigis la ideon, ke viro estas devigata oferi sian propran vivon kaj detrui la vivon de aliaj en la intereso de io, al kio li ne havas personan rilaton. La infano sur la genuoj de sia patrino aŭ ie alie estas instruata pri etika kodo, enkorpigita en la Dek Ordonoj. Ĉi tiuj estas akceptataj preskaŭ universale de ĉiuj nacioj de la mondo, sed estas pli respektataj en la cerbo aŭ en la agado. « Vi ne mortigu! » ne povas havi signifon por junulo, se ĝi estas akompanata per la rakontado de militoj kaj sangverŝo.

La historio ne konservis la bilancojn de la farantoj de jetiloj kaj ŝtonoj aŭ aliaj batililoj, sed ni estas tute konvinkitaj, ke tiam kiel hodiaŭ la plej bonaj kapoj estis okupataj en la preparado de detrumetodoj. La kulturo de Mycenae estas detruita per la pli longaj glavoj de la Doraj invadantoj ; same kiel la pli longaj seriokanonoj de la britaj militŝipoj estas destinitaj por superi la ŝipojn de iu alia potenco.

La idealo metata antaŭ la plej multajn junulojn estas, ke ili devas fari sian vojon en la mondo kaj ke la grado de ilia sukceso estas mezurata per la longo de ilia bank-konto. Estas konsiderate Kihotaĵo, bedaŭri la gigantajn profitojn de la grandaj armilofabrikejoj. Sed ni kredas, ke devas esti eble, enigi en la animon de la kreskanta knabo kelkajn unuajn principojn pri lia konduto al liaj proksimuloj.

La instruado de historio depost la unuaj tempoj devas esti reviziata ; tiuj ĉapitroj, kiuj nur skizas la sangavidon, estu forlasataj ; aŭ, se ili estas legataj, tio devas esti farata kiel terura averto kontraŭ la besta brutaleco de la milito. Tiu spirito tiam povas esti inokulata en la lernejovivon, kaj la infano same malmulte deziros foriri kaj mortigi siajn kunhomojn el aliaj nacioj, kiel ĝi deziras malsuprenbati la same nemalamikan apudulon en la fervojovagono aŭ la strato.

Krom tiu sinteno en la historia instruo estus necesa vera scio pri la aliaj nacioj. Ne estas dezirinde, ke tio estu farata, kiel ofte okazas en kelkaj rondoj, kun insultado de nia propra raso, sed en spirito de vera justeco.

Trie devas esti trovata metodo por evoluigi la kuraĝon en alia maniero, ol tio estas farata en milita ekzercado. Tiurilate la skolta movado estas grava, kvankam en kelkaj detaloj ĝi kelkfoje estas militarista. Sed vivsavado sur maro aŭ sur tero de fajro aŭ ŝipdefekto devus esti instruata al ĉiuj infanoj en la lernejo, kaj heroeco ne plu estu la monopolo de la bataloj, sed estu prefere gajnata en agadoj, kiuj ne okazas je la kosto de la vivsango de aliaj homoj.

Se tia propagando estu efika en ĉiu hejmo, la patrino mem devas esti konvinkita pri ĝia efikeco. Si mem devas malami la ideon, ke la infano, kiun ŝi naskis kaj al kiu ŝi dediĉis multajn jarojn de sia vivo, mortigos aliajn homojn en agonio, kiun ĝi mem eble partoprenos.

Kaj speciale ni atendas de la laborista virino, ke ĝi realigos la plej gravan de ĉiuj militiroj — t. e. la edukon de la infanoj en la vojo de la paco.

(trad. el « No More War », London).

### PSALMO 46.

**Dio estas por ni rifuĝejo kaj forto,**
**Helpo en mizeroj, rapide trovata.**
**Tial ni ne timas, eĉ se pereus la tero**
**Kaj la montoj falus en la internon de la maroj.**
**Bruu, bolu Liaj akvoj,**
**Tremu la montoj de ilia fiera ondado.**

**Estas rivero. kies torentoj ĝojigas la urbon de Dio,**
**La sanktan loĝejon de la Plejaltulo.**
**Dio estas en ĝia mezo, ĝi ne ŝanceliĝos;**
**Dio ĝin helpas en frua mateno.**
**Ekbruis popoloj, ekŝanceliĝis regnoj;**
**Li sonigis Sian voĉon, kaj ektremis la tero.**
**La Eternulo Cebaot estas kun ni;**
**Nia defendo estas la Dio de Jakob.**

**Iru, rigardu la farojn de la Eternulo,**
**Kiu faris detruojn sur la tero.**
**Kiu ĉesigas militojn ĝis la fino de la tero,**
**Rompas pafarkon, rompas ponardegon,**
**Forbruligas veturilojn per fajro.**
**Cedu, kaj sciu, ke Mi estas Dio;**
**Mi estas glora inter la popoloj. mi estas glora sur la [tero.**
**La Eternulo Cebaot estas kun ni;**
**Nia defendo estas la Dio de Jakob.**

**Trad. D-ro L.-L. Zamenhof.**





## DEMONSTRACIA PROPAGANDO

Por krei iom post bone uzeblan dokumentaron kaj por celoj de demonstracia propagando, ni bezonas detalojn pri oficialaj permesoj, bildojn, fotojn ktp. en la sekvantaj kampoj :

Fervojo.

1. Dekretojn aŭ permesojn, ankaŭ lokajn
   a) pri portado de Esp.-signo dum dejoro,
   b) pri portado de la oficiala dejor-insigno por esperantistoj,
   c) pri afiŝoj « Esperanto parolata » ĉe giĉetoj;
2. diversajn fotojn de fervojistoj kun tia insigno aŭ ekzemple de stacidomaj pordistoj, informistoj kun brakrubando « Esperanto ».

(La insigno devas esti klare videbla).

Poŝto :

1. Ĉiujn dekretojn aŭ informojn pri allaso kaj organizo de kursoj en PTT-sfero;
2. diversajn fotojn de poŝtgiĉetoj kun afiŝo « Esperanto parolata ».

Polico :

1. Ĉiujn dekretojn aŭ permesojn, ankaŭ lokajn, pri allaso aŭ enkonduko de Esperanto, de kursoj ktp.;
2. fotojn de policistoj portantaj oficialan insignon.

(La insigno devas esti klare videbla).

Tramo :

1. Regularojn permesantaj la uzon de Esperanto en tramservo;
2. permesojn de starigo de kursoj por nia lingvo;
3. klarajn fotojn de tramistoj portantaj oficialan insignon kiel esperantistoj.

Anstataŭ livero de kvanto de ĉiu foto, ni preferas la havigon de preta kliŝo por mem instigi la represon aŭ bezono. Dismontro de tiaj bildoj estas bonega varbado por la koncernaj urboj kaj institucioj.

Ni ankaŭ insiste petas klopodadi por atingi ion similan en favoraj lokoj. Unu stacidoma pordisto esperantista kun brakrubando « Esperanto », kiun preterpasas ĉiutage miloj da personoj, faras senpage kaj netrude pli efikan kaj imponan propragandron ol kelkaj dekmiloj da propagandiloj, kelkfoje legataj, tre ofte ne legataj.

Adresu al : *Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado*, 12 Bd. du Thêâtre, Genève, Svis.

## 1 + 1 = 2

**Tio signifas : ĉiu leganto de KM., igante samideanon al abono je KM., duobligas la nombron de niaj leganto.**

## RECENZEJO

**Aleksej N. Tolstoj : La morto de Danton.** Tragedio. El rusa lingvo tradukis Nikolao Hohlov. 75 pĝ broŝ. Prezo rmk. 1.60 (sv. fk. 2.—). Eldonejo : Heroldo de Esperanto, Horrem b. Köln, Germ.

**Teo Jung : La Alta Kanto de la Amo.** Laŭ malnova legendo rekantita originale en Esperanto. Dua luksa eldono. 38 pĝ. Prezo rmk. 0.80 (sv. fk. 1. —). — Eldonejo : Heroldo de Esperanto, Horrem b. Köln, Germanujo.

* * *

*Esperanta manĝokarto en sveda restoracio.*

La restoracio Pagod en Stockholm, Svedujo, presis belajn manĝokartojn en sveda kaj esperanta lingvoj. La restoracio estas lokita en la 15a kaj 16a etaĝoj de « nubgratanto » konstruita antaŭ ne multaj jaroj. La panoramo super la bela Stockholm estas grandioza, kaj ĉiuj vojaĝantaj samideanoj kutimas viziti la restoracion Pagod. Ĉefservistino partoprenas kurson de s-ro Andreo Ĝe.

**« Du kantetoj »** nomiĝas folio kvarpaĝo, kiun eldonis Eldona Societo Esperanto, adr. Fako 698, Stockholm 1, Svedujo. Sur la folio estas presitaj la tekstoj de La Espero kaj La Tagiĝo. La folioj estas uzotaj precipe ĉe kunvenoj, aŭ por vendado aŭ por disdono senpage al tiuj kiuj ne scias parkere la tekstojn de tiuj niaj plej ŝatataj kantoj esperantaj. La prezo estas nur 1 sv. fr. por 10 ekz., 8 sv. fr. por 100 ekz. afrankite. UEA-kuponoj estas akceptataj.

# Fruktoplena Esperanto-laboro en Nederlando.

En **Tilburg** (Holando) okazos de 12-15 aŭgusto la nunjara katolika Esperanto-kongreso. Pro tio la jenaj linioj certe interesos niajn gelegantojn. Ni ĝojos, se ni povos saluti kiel eble plejmultajn el niaj amikoj en Tilburg. RED.

Je la fino de 1926, pere de la ĉiam bonvolemaj Redakcioj de la tri ĉiutage aperantaj Tilburgaj gazetoj: « TILBURGSCHE COURANT », « NIEUWE TILBURGSCHE COURANT » kaj « NIEUWSBLAD van het ZUIDEN », kaj de la semajna katolika revuo « ROOMSCH LEVEN », ni atentigis la katolikan Tilburgan loĝantaron pri la graveco de la Esperanto-movado kaj pri la granda utilo, kiun povas havi la nova mondlingvo por la katolika Eklezio kaj kiun ĝi verŝajne baldaŭ havos.

La rezultato de nia propagando estis, ke baldaŭ centoj da personoj, plejmulte gejunuloj, kio estis ĝuste nia celo, komencis la studadon de Esperanto ; kaj multaj el ili aniĝis al la per la bruado el sia dormo vekiĝinta Esperanto-klubo « AME KAJ PACE », kiu vidis brilegan estantecon antaŭ si.

Per la propagando en Tilburgo, kiu interdume estis plivastiĝinta inter la Katolikoj de la tuta Nederlando, la atento de ĉiuj Nederlandaj katolikaj Esperantistoj sin direktis al Tilburgo, al tiu bonege katolika urbo en la suda parto de la lando. Jam tiel ofte kaj tiel multe oni aŭdis paroli pri la vere katolika spirito de tiu urbo kun ĝiaj deksep paroĥaj preĝejoj ; — tiel ofte oni aŭdis laŭdi ĝian oferemecon por la Misioj, por la konstruado de novaj preĝejoj, kaj por ĉiuj aliaj bonfaremaj entreprenoj! Ĉu ĝi ne estis unu el la konkurantaj urboj por la starigota katolika Universitato? Ĉu la Nederlanda Episkoparo ĵus ne estis decidinta fondi en Tilburgo la novan Komerco-Universitaton? Kaj jen, subite tiu sama urbo fariĝis kvazaŭ la fokuso de la Nederlanda katolika Esperantujo!

Ĉies okuloj nun sin direktis konfidplene Tilburgon, el kie, tion oni esperadis, venos nova fajro inter la katolikajn Esperantistojn, — nova agemeco kaj nova prospero en la Esperanto-Unuiĝon : « NEDERLANDA KATOLIKO ».

Kaj prave la Estraro de « N. K. » ekhavis la ideon okazigi sian solenan Jarkunvenon de 1927 en Tilburgo. Tial ĝi sendis sian peton al la Tilburgaj Esperantistoj.

La Estraro de « AME KAJ PACE » ektimis ne malmulte! Kion ĝi devas fari? La propono estas honorplena! — Sed, ĉu Tilburgo jam estas matura por tia publika manifestacio? Ĉu « AME KAJ PACE » jam povas permesi al si tian multekostan lukson? — Oni pririgardis la aferon ĉiuflanke; oni pripensadis, interparoladis; — kaj fine... kuraĝe oni decidis, preni sur sin la taskon honorplenan; sed kondiĉe: ke oni samtempe okazigos en Tilburgo la Esperanto-Ekzamenojn, kaj ke la dato estos prokrastata je unu monato, alie la tempo por la preparadlaboro estus tro mallonga.

Oni ne volis fari duonan laboron : se ĉiuokaze oni devas manifestacii, oni faros tion grandioze. La reputacio de Tilburgo postulas tion!

La kondiĉoj estis akceptataj kaj tuj la laborado komencis!

Katolika Tilburgo ree montros al la tuta lando, kiel ĝi scias interesiĝi por katolika afero. El la tuta urbo venis helpo kaj apogo, eĉ multaj ne-Esperantistoj alkuris kun siaj helprimedoj!... Kaj la rezultato?

Denove katolika Tilburgo povis registri novan sukceson, kian ĝi jam tiel ofte akiris. Vere : estis du neforgeseblaj tagoj!

Unue la ekzamentago, kiam la nombro de la sukcesintoj estis eksterordinare granda. Ĉiuj ekzamenintoj estis ravitaj pro tia sukceso, kaj multaj el ili petis al ni informojn, por ekscii, kiel agi por atingi tiajn rezultatojn.

Poste venis la granda tago... la tago de la jarkunveno!

El ĉiuj partoj de la lando estis alvenintaj la katolikaj Esperantistoj, ĉu grupope, reprezentante sian sekcion, ĉu unuope el la plej izolitaj vilaĝoj. Ĉiuj volis konvinkiĝi, ĉu estas vere, ke la katolika Esperanto-movado estas tiel esperplena kaj ĉu Tilburgo estis atinginta tiajn favorajn rezultatojn, kiel om diradis!

Kaj vere, oni ne estis troiginta. La kongreso (tiel oni nomis la jarkunvenon pro ĝia grandiozeco), estis brilega! Ĉies esperoj, kiel ajn grandaj ili estis, pli ol plenumiĝis! : — Tiu belega kongreslibro, — tiuj per banderoloj ornamitaj stratoj, — tiuj multnombraj partoprenantoj, — tiu grandioza procesio tra la urbo al la preĝejo, bele ornamita, kie la praktika Esperantlingva prediko de la Eklezia Konsilanto, Paroĥestro Verschure, kaj la belsonaj kantoj de la plena preĝejo ĉiujn ravis, — tiu multnombra kunveno en la lukse ornamita Kongres-salono, — tiu instruiga parolado de la scienculo Dro. Gerlach Royen, pastro franciskana (poste presita kaj ankoraŭ havebla ĉe la Prezidanto de « N. K. »), — tiu vere religia, animon feliĉiganta soleno antaŭ la monumento de la Sankta Koro de Jesuo, pliglorigita ankoraŭ per la bela sonorilluda koncerto, oferita de la katolika Paroĥestro Aelen, — tiu amikeco, kiu unuigis nin ĉiujn, — tiu entuziasmo!!! Ne, tiom oni ne estis kuraĝinta esperi! Kaj plurfoje ni aŭdis personojn, kiuj ofte vizitis mondkongresojn, dirantajn : « Estas sukceso senkompara ! Ke niaj Internaciaj Kongresoj sukcesu tiamaniere! Jes, tio, kion jam tiel ofte oni aŭdis pri Tilburgo, estas efektive vera : Ĝi estas vere katolika urbo ; tie ĉie regas inter la loĝantaro la vere katolika spirito, — en ĝi oni, kiel katoliko, sin sentas hejme, — tie ĉi oni scias esti sindonema, veki entuziasmon! Kaj ĉiuj rehejmiĝis, plenaj je ravo kaj miro; kaj, kio diras ankoraŭ plimulte, ĉiuj decidis ankaŭ eklabori en sia propra urbo aŭ vilaĝo, kaj klopodi, kvankam nur de malproksime, imiti Tilburgon.

Kaj jes, la Kongreso donos multoblajn fruktojn : ĉie en rekompenco pro iliaj laboroj kaj ankaŭ pro ilia Esperanto-studado!

« AME KAJ PACE » ankaŭ estis kontenta. La laboro estis estinta peza, — la oferoj multaj kaj grandaj. Sed ĉiuj sentis la kontentegon, kiun oni ĉiam sentas post bonfarema laboro; precipe kiam oni vidas, ke tiu laboro estas fruktodona.

Kaj jes, la Kongreso donos multoblajn fruktojn : Ĉie en la lando la katolikaj Esperantistoj ekmoviĝis. Kie jam ekzistis sekcioj oni rekomencis pli fervore ; dume en multaj lokoj la unuopuloj serĉis kunulojn kaj formis klubetojn. En aliajn lokojn venis fervoruloj el Esperanto-centro kaj okazigis propagandan kunvenon, kiu ofte havis la rezultaton, ke novaj sekcioj aŭ kluboj fondiĝis; kaj Tilburgo ĉiam kaj ĉie helpis laŭpove.

Sed la Kongreso havos ankoraŭ pli gravajn rezultatojn : Per la multaj artikoloj pri Esperanto en la katolika gazetaro de la tuta lando, kelkfoje eĉ en **75** gazetoj kaj revuoj, kaj ne malpli per personaj interparoladoj la atento de dekduo da Religiaj Kongregacioj de Instruist(in)oj estis vekita, kun la ĝojiga rezultato ke ĉiuj interesiĝis pri Esperanto; — ili ĉiuj montris ofereman intereson, — kaj la tre honorindaj Estr(in)oj instigis siajn subul(in)ojn, komenci la Esperanto-studadon kaj sin prepari por la ekzameno; dekoj el ili do komencis; multaj jam akiris sian diplomon en la novembraj ekzamenoj! — La unua rezultato de ĉi ĉio estis, ke sukcese ni povis antaŭenpuŝi la duan eldonon de la fama katolika romano « Fabiola », kiu interdume jam efektiviĝis. — La dua ne malpli ĝojiga rezultato estis, ke en la tuta lando Esperanto tiamaniere vekis la atenton, ke la nova Esperanto Kurso de Nimego povis komenci kun **3700** kursanoj, — ke la kurso per Radio katolika, gvidata de Sro. Heilker, Prezidanto de « N. K. », havas kelkajn centojn da lernantoj, — ke ankoraŭ aliaj centoj lernas la mondlingvon ĉu pere de parolaj kursoj, ĉu per memstudado, — ke petskribo, subskribita de pli ol mil Instruist(in)oj, estis sendata al la Ministro por Instruado, por ke li okazigu Ŝtatan Ekzamenon!

Jen la plej gravaj fruktoj de la agado senĉesa de la Tilburgaj katolikaj Esperantistoj!

Kiam antaŭ kelkaj monatoj, la Estraro de « I. K. U. E. » decidis ankaŭ okagi sian XIII an Kongreson en Tilburgo. « AME KAJ PACE » momenton hezitis, sed nelonge; baldaŭ tiuj bonaj katolikoj diris : « En la nomo de Dio, ni akceptas; se nia afero estas bona, se ĝi plaĉas al Dio, Li nin ankaŭ helpos, estas por Kristo ja ĉiu honoro. Lin ankaŭ estu la viv' kaj la san'! Ĉiam antaŭen por Kristo, la Reĝ'! »

Ke nia Dektria Internacia Katolika Kongreso, sub la Dia beno sukcesu bonege, ke ĝi maturigu la fruktojn de la pasinta Kongreso, kaj, se eble, ilin multobligu!

Kaj ni, karegaj Samideanoj kaj Samkredanoj, tutkore bonvenigas ĉiujn partoprenontojn de nia XIIIa en nia karega katolika Nederlanda urbo TILBURGO!!

Frato WIGBERTUS VAN ZON.
(El la Kongres-Libro.)

# BERICHTE

## zur Kultur- und Zeitgeschichte

Ĉefredaktoro:

**NIKOLAO HOVORKA**

**6 Numeroj (ca. kvaronjaro) 2.— R. M.**

**Gazeto (germanlingva) solvanta problemon de la spirita ekonomio. Ĝi estas precipe por la katoliko la plej malmultekosta kaj plej malmultan tempon konsumanta helpilo havigi al si estecan superrigardon al la religiaj, etikaj, kulturaj, literaturaj kaj artismaj, historiaj, socialaj, ekonomiaj, politikaj k. a. problemoj de nia tempo. Ĝi kondukas al la abundo de la gazetoj.**

Kelkaj el ĝis nun priparolitaj temoj : Internacia tutmonda helplingvo. Armata paco, militata milito. La naciaj malplimultajoj. Batalo pri nova ekonomia ordo kaj intenco. Pro la animo de la proletariaro. La manko de loĝoj. Agrara reformo kaj loĝigaĵo. La virinoj en la nuneco. Jazz kaj la krizo de la muziko. La mortpuno. La liturgia movado. La sopiro kaj voko al unueco de la eklezio. K. m. a.

*ABATO GENERALO d-ro J. KLUGER : La facileco kaj komforteco havigi al si tuj fidindan klarigaĵon pri nedeciditaj problemoj de la nuneco rekomendindigas viajn BERICHTE. — PAROĤESTRO EBERHARD LANGES, HAMM : La broŝuretoj fariĝis miaj spiritaj amikoj, de kiuj mi ne plu volus disiĝi. — PAROĤESTRO KAJ INSTRUA DEKANO NIK HOLZHEU, ZAIERTSHOFEN : Tia sana, koron refreŝiganta nutraĵo prezentata en tia nobla formo kaj metodo meritas plenan atenton kaj koran, sinceran dankon de la pastro.*

Mendu senkostajn specimenojn!

**REINHOLD-VERLAG** + WIEN IX/4., Löblichgasse, 3b.

# GRAZ

laŭ grandeco la dua urbo aŭstra kaj ĉefurbo de Stirio, festas en la nuna jaro sian okcentjaran ekziston, ĉar la unuan fojon en 1128 ĝi estis menciata en aŭtentika dokumento kiel urbo.

Graz kaj ĝiaj loĝantoj, ŝatantaj la gastojn Esperantistajn, invitas vin veni dum la nuna somero en niajn landon kaj urbon, ĉu kiel komercisto por ekspozi aŭ aĉeti, ĉu kiel vojaĝanto pro plezuro, ĉu por ripozi.

Ni zorge preparis ĉion, por ke via restado inter ni estu por vi agrabla, impresoriĉa kaj ĉiel kontentiga. La popolo de nia urbo estas konata kiel gastama : donu al ĝi okazon gastigi vin en tiu ĉi somero! Ni estas certaj, ke vi ofte revenos, ravitaj de la ĉarmo de l'stiria pejzaĝo kaj de la ĝardenurbo Graz.

Jen la distancoj de kelkaj ĉirkaŭaj urboj : Wien : vagonaro 4 ½ horoj, aviadilo 1 horo; München : vag. 10 h.; Zürich : vag. 18 h. ; Venezia : vag. 13 h., av. 2 h. ;Beograd : vag. 18 h.; Budapeŝt : vag. 9 h., av. 2 h.

**Esperantistoj!**

En 1928, la celo de via somera vojaĝo estas Graz ! Kvar Esperantogrupoj ĝojos esti komplezaj al vi!

Informojn donas la Del. de U. E. A. Karl Bartel, Schönaugasse 6, Graz (Stirio), Aŭstrujo.

## Malfrue alvokitoj

ĝis la 25a jaro, kiuj deziras fariĝi misiopastroj, trovas amplenan akcepton en la misiodomo «St. Joseph» de la Palotenoj en Konstanz (Germ.). La nova lerneja jaro komenciĝos en septembro 1928.

P. Rektoro
Missionshaus St. Joseph
Konstanz
**am Bodensee.**

## Malmultekostaj poŝtkartoj

kun la bildo de Kristo de la Andoj kaj teksto esperanta.

Bona varbilo por niaj gesamideanoj.

**50 kartoj 2 sv. fr.**
**100 kartoj 3.50 sv. fr.**

Oni mendu ĉe
KATOLIKA MONDO,
**Kœln**-Lindenthal. (Germ.)

## PAGU PAGU VIAN ABONKOTIZON

# Mendu, legu!

**Naturscienco, Mondkoncepto, Religio,** de prof. Reinke 2. — sv. fr.
**Katolika preĝlibro** de Carolfi bind. 2,— » »
**Respondoj al kontraŭreligiaj paroloj** de Msgro. de Ségur 2.— » »
**La Reformanto,** de Carolfi, popola biografio de S. Francisko el Assisi 2,— » »
**La Origino de la Religio,** de P. Schmidt 0,80 » »
**Kiel mortis la unuaj kristianoj,** de Kraszewski 0,50 » »
**Nova Afriko,** de Monnens, S. J. 0,50 » »
**Universala Reĝeco de Jesuo Kristo,** papa encykliko 0,50 » »
**Parvuli,** Rakonto de Bessières, S. J. 0,50 » »
**La Batalo de l' Vivo,** de Charles Dickens, esp. Zamenhof 1,40 » »
**Kantaro Katolika,** kun muziknotoj, de Chiba 2.— » »
**Fabiola,** la fama romano pri la Katakomboj de Kardinalo Wisemann, 440-paĝa 8,— » »
**Fundamento de Esperanto** de Zamenhof, 5-lingva 1,75 » »
**Fundamenta Krestomatio** de Zamenhof, 600 paĝa 4.— » »

Ĉiuj libroj estas liverataj **afrankite.** Ankaŭ ĉiuj aliaj libroj estas tuj havigataj. Oni mendu per poŝtĉeko aŭ poŝtmandato.

KATOLIKA MONDO
**Kœln**-Lindenthal

## Abonprezoj por K. M. en 1928

| | | | |
|---|---|---|---|
| Anglujo | 4 s | Hungarujo | 4.8 Pen. |
| Argentino | 3 po | Italujo | 4 s |
| Azio | 4 s | Japanujo | 16 lir. |
| Aŭstralio | 4 s | Jugoslavujo | 60 din. |
| Aŭstrujo | 6.8 s | Latvujo | 10 lit. |
| Belgujo | 6.8 bel. | Litovujo | 4 s |
| Brazilio | 8 mr | Luksemburgo | 24 fr. |
| Bulgarujo | 120 lew. | Meksiko | 1 d. |
| Cehoslovakujo | 28 kc | Nederlando | 2.8 fl. |
| Centra Ameriko | 1 dol | Polujo | 8 Zl. |
| Danujo | 4 kr | Portugalujo | 16 esc. |
| Danzigio | 4 s | Rumanujo | 160 lei |
| Francujo | 24 fr. | Svedujo | 4 kr. |
| Germanujo | 4 RM | Svisujo | 5 fr. |
| Grekujo | 76 draĥ | Usono | 1 d. |
| Hispanujo | 6 pes. | | |